52a Jaro — N-ro 2 — Marto - Aprilo 1960a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-

# 1450

Por la aliĝo al la Universalaj Kongresoj estas antaŭviditaj tri periodoj, kun tri malsamaj kotizoj. La unua periodo finiĝis la 31an de decembro, la dua la 31an de marto . . . La nun ankoraŭ aliĝontoj do pagos la plej altan kotizon . . . Se la prokrastintoj do tiel pagos iun malgrandan punpagon . . . ili ĉiam povas kaj devas pensi, ke *tiu mono iras rekte al U.E.A.*, kies gvidantoj tre certe uzos la tiel akiritajn sumojn plej bone !

Sed, — je la fino de tiu dua periodo, je la komenciĝo de tiu lasta trimonata periodo, kiu iras ĝis la 31a de junio, lasta aliĝdato, — decas ke ni komuniku iom pli solene ol per la ĉiumonataj komunikoj, la laŭ-aliĝan situacion.

Nu, je la momento de presigo de la revuo, ni diru meze de la dua duono de aprilo, — nè temas do pri la fin-aprila statistiko —, aliĝis jam 1.450 gekongresanoj el 36 landoj.

Se ni komparas tiun nombron, ne al tiu de Varsovio, escepta jubilea jaro en la naskiĝlando de D-ro Zamenhof, sed ekzemple al tiu de Mainz, ni vidas ke ni restas per kelkaj dekoj sub la nombro de la 43a, kiu estis je fino de aprilo 1.609 el 34 landoj.

La fina aliĝnombro en Mainz estis 2.021. Tio signifas ke la internacia esperantistaro devos fari ankoraŭ iun specialan klopodon de varbado, se ni deziras ke ni, *daŭre*, povu paroli pri " *kongreso kun pli ol 2.000 membroj* ".

La Belgoj jam proporcie multnombre aliĝis. Ili estas pli ol ducent ! Ni tamen faru lastan klopodon por, — se iel eble, — ankoraŭ plialtigi nian partoprenon en tiu, por ni, escepta manifestacio en propra lando !

* * *

**Post Bruselo : Harrogate**

| | |
|---|---|
| *Al Bruselo* | *Poste de Harrogate* |
| *nia tuja celo* | *venos nova aliĝpet'* |

La 45a Universala Kongreso nur post tri monatoj komenciĝos. Tamen oni devas jam pripensi kie okazos la 46a . . . Antaŭvido estas nepre necesa por bona regado.

Do, dum sia Paska Konferenco en Rotterdam, la estraro de U.E.A. decidis pri la loko, kie kunvenos la esperantistaro dum 1961 : *Estos en Britujo*, sed ne en la ĉefurbo . . . Kontraŭe en tute malgranda urbo, kiun malmultaj eksterlandanoj konas, sed kiu speciale organizis sin por la akcepto de Kongresoj. Ni citu : *Harrogate*.

Harrogate estas urbo kun iom pli ol 40.000 enloĝantoj, je proks. 200 kilometroj norde de Londono, en la okcidenta parto de Yorkshire, je fervoja distanco de 32 kilometroj de York.

Temas pri kuracloko kie, jam de 1596, estas sulfuraj, ŝtalaj kaj salaj fontoj.

La urbo kuŝas je 137 metroj de alteco.

* * *

Dum la sama estrara kunsido, kiun ĉeestis S-ro Maur. Jaumotte, prezidanto de la L.K.K., kaj S-ro G.C. Fighiera, konstanta sekretario,

# La UNESKO-Zamenhof celebrigo dum 1960

**La belga Plenrajtigita Ministro Julien Kuypers je la bazo de la decido.**

En nia antaŭa numero, ni jam menciis la decidon de la Plenumkomitato de UNESKO, per kiu ĉiuj registaroj aliĝintaj al UNESKO estas invititaj celebri, dum 1960, la noblan figuron de D-ro Zamenhof, laŭ ĉiuj rimedoj, kiujn ili juĝos plej oportunaj kaj efikaj.

La proponon pri tia celebrigo faris, okaze de la Zamenhof-jaro 1959 : Brazilo, Japanujo kaj U.E.A., kiel organizaĵo en konsultaj rilatoj kun UNESKO.

Poste do la propono venis antaŭ la Plenumkomitato, en kiu ne ĉiuj landoj estas reprezentataj sed nur kelkaj, kiuj, kiel en la Ligo de Nacioj, iatempe ŝanĝiĝas.

Nederlando ekzemple, nunmomente, ne estas reprezentata en la Plenumkomitato. Kaj la Nederlandaj Esperanto-instancoj do petis la belgajn fari, kune en ilia nomo, paŝon ĉe la belga reprezentanto, S-ro Julien Kuypers.

Al nia letero, tiu ĉi respondis, ne nur per formala promeso pri apogo, sed ankaŭ per vere afablaj kaj varmaj vortoj rilate al la nobla figuro de D-ro Zamenhof.

En la protokolo de la kunsido de le Plenuma Komitato, kiu okazis en Parizo, la 25an de novembro 1959, estas dirite ke "*la propono pri Zamenhof ricevis fortan apogon kaj estis unuanime akceptita. S-ro Kuypers (Belgujo) deklaris, ke laŭ peto de la Nederlanda Nacia Komisiono de UNESKO* "*la Belga Nacia Komisiono decidis apogi la proponon koncerne la celebrado de la 100a datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof*".

Same favore poste parolis S-ro De Alba (Meksikio), S-ro Wierbzlowski (Polujo), S-ro Moreira de Mello (Brazilo), S-ro Soebroto (Indonezio) kaj S-ro Stempel (Venezuela).

Oficiala dankletero jam estas direktita al nia belga reprezentanto, S-ro Julien Kuypers, kiu do estis je la bazo de la decido kaj de tiu kronigo de la Esperantista Zamenhof-jaro.

Sed, — kiel jam dirite, — por ni, (kaj tre certe en Belgujo, kie okazos la 45a Universala Kongreso) ne povas temi nur pri kronigo . . . Tiu decido de UNESKO devas sproni nin ĉiujn al pli vigla laboro, ne nur interne en la kunvenoj mem de niaj grupoj, sed precipe eksteren al la granda, ĝenerale simpatia, sed plej ofte indiferenta kaj certe tro apatia publiko.

---

la estraro akceptis kaj aprobis la antaŭmetitan programon de la 45a Universala Kongreso. Tiu ĉi do nun estas definitive fiksita.

La estraro interkonsentis ankaŭ kun la reprezentantoj de la L.K.K. pri diversaj aranĝoj kaj detaloj.

Ĉiuj estis tre kontentaj pri la antaŭvidoj, same rilate al la nombro de la ĉeestontoj, kiel al tiu de la aranĝoj mem.



# Esperantisia Geedziĝo en Bruselo

**F-ino Ada Sikorska kun la K.K.S., S-ro G. C. Fighiera**





**La novaj geedzoj, post la geedziĝo, sur la ŝtuparo de la Urbdomo, kun, maltantaŭ si, S-roj M. Jaumotte kaj R. Jacobs, atestantoj. Ĉirkaŭas ilin f-ineto Weyn, kiu transdonis florojn nome de la Brusela Grupo, kaj ĉefurbaj bruselaj amikoj : G-roj H. Castel kaj F-ino M. Kestens.**

Merkredon, la 20an de aprilo, geedziĝis en Bruselo, pola samideanino, « libertempanta » dum kelkaj semajnoj en Belgujo, F-ino Ada Sikorska, radio-jurnalistino en Varsovio, kaj nia Konstanta Kongresa Sekretario, S-ro Gian Carlo Fighiera.

Ne estis kompreneble hazarde, ke ŝi libertempis en nia lando. Ŝi venis kun la espero, ke povos esti trovata la ebleco por plenumi ĉiujn formalaĵojn, — iom komplikajn kiam temas pri du eksterlandanoj, kiuj fakte eĉ ne « loĝas » en Belgujo —, por ke ŝi povu edziniĝi ankoraŭ dum tiu libertempo, kiu laŭ pasportvizo devis nepre finiĝi la 22an.

Ĉio efektive enordiĝis kaj tiel S-ro Maur. Jaumotte, prezidanto de la L.K.K., kondukis ŝin antaŭ la skabeninon de Bruselo, F-inon Van den Heuvel, por ŝia unuigo kun nia K.K.S. Plej afable, la skabenino bondeziris la novedziĝintojn, ankaŭ en itala lingvo, kaj deziris al ili plej belan komunan vivon.

Post la edziĝa ceremonio, kelkaj samideanoj kuniĝis, kun la junaj geedzoj en la hejmo de la 45a U.K., kie okazis meze de vera florbedo, malgranda akcepto.

Vespere, sekvis en la bela restoracio « La Metioj », festeneto por kiu enskribiĝis kelkdekoj da esperantistoj, kiuj tiel volis, — iomgrade, — anstataŭi la forestantajn parencojn.

Inter ili estis la prezindanto de la L.K.K. kaj S-ino M. Jaumotte ; la prezidan-

## ADOPTAJ PATROJ

La L.K.K., — por plensukcesigi la Infankongreseton, kiu okazos samtempe kun la 45a U.K., en Wemmel apud Bruselo, — decidis starigi " adoptan patrecon ", kiu ebligas al tiuj kiuj deziras — per pago de sumo de Fr. 400, — helpi al la venigo de esperanton parolantaj infanoj el landoj malproksimaj kaj el kiuj estas malfacile venigi kongresanetojn.

Al tiu adopta patreco aliĝis ĝis nun :

**Reĝa Belga Ligo Esperantista** (2foje)
S-ro Maurice Jaumotte
S-ino Marguerite Jaumotte
F-ineto Viviane Jaumotte
**Esp. Grupo « La Verda Stelo »**, Antverpeno (2foje)
F-ino Mathilde Hofkens
F-ino Hélène Hofkens
F-ino Blanche Geers
S-ino Livine Merckx
S-ro Remy Van Eynde
**Esperantista Brusela Grupo** (2foje)
F-ino Mathilde Kestens
**Esperanto Grupo, Verviers**
Esperanto-Societo de Bonn
Esp. Soc. « Verda Nordo », Berlino
Esp. Soc. de Ystad (Svedujo)
Esp. Soc. de Croydon (Britujo)
Esp. Societo de Hamburgo
S-ro L. Minnaya, Romo
S-ro F. Calbusera, Verona
F-inoj Anna k. Catherina Boersma, Nl.
Frisa Esperanto-Rondo
Esperanto-Berlina Grupo Wilmersdorf
G-roj Derks, Monako
Ytongkompania Esperanto-Asocio, Sved
S-ro R. Llech-Walter, Francujo
D-ro C. Maillard
Esperanto-Grupo Marseille

---

to de Flandra Ligo kaj S-ino G. Debrouwere ; la prezidanto de la Brusela Grupo S-ro Jacobs ; la vicprezidanto de la L.K.K., S-ro H. Sielens ; la vicprezidantino de R.B.L.E., S-ino J. Plyson ; la ĝenerala sekretario de R.B.L.E. kaj S-ino L. De Marré ; la kasisto de la L.K.K., S-ro J. Oleffe ; la kasistino de R.B.L.E., F-ino R. Huysmans ; la L.K.K.'anoj S-ino M. Weyn kaj J. Verstraeten kaj krome diversaj gvidantoj kaj membroj de la Antverpena Grupo « La Verda Stelo » kaj de la Esperantista Brusela Grupo.

Je la deserto, S-ro M. Jaumotte, kiel « edziĝa patro », tostis je la sano, bonfarto kaj sukceso de la junaj geedzoj. Li deiris al ili plej feliĉan komunan vivon ; kaj speciale al la juna edzino, li deziris rapidan revenon en nian landon, post likvido de profesiaj kaj familiaj aferoj en Varsovio, tiel ke ŝi povu ankoraŭ helpi al la finorganizo de la Kongreso kaj ĝui ĝin kun la dumil aliaj samideanoj, kiuj nin vizitos.

Post kiam li estis transdoninta donacon nome de la L.K.K., same agis, nome de la R.B.L.E. kaj de ties Brusela kaj Antverpena Grupoj, S-roj H. Sielens, R. Jacobs kaj L. De Marré.

Pro abrupta telefona forvoko de G-roj Debrouwere, pro funebra novaĵo, S-ro Sielens poste ankaŭ transdonis la donacojn de Flandra Ligo, de ties Antverpena sekcio kaj, persone, de G-roj Debrouwere kaj F. Volders, L.K.K.-ano. Tiu transdono okazis meze de ĝeneralaj gratuloj kaj S-ro G. C. Fighiera, kune nome de sia edzino, plej kore dankis por la grandaj simpatiesprimoj en tiu ĉi por ili unika tago.

Helpata de S-ro J. Verstraeten, la atmosfero ĉiam pli kaj pli gajiĝis kaj tro frue por ĉiuj ĉesis tiu ĉi vere agrabla familia festo.

---

### Ilustrita, kolorigita biografio de D-ro Zamenhof

En la brita porknaba libro « Daily Sketch Modern Boys Annual » aperis ok paĝoj de koloraj bildoj pri la « inventisto de Esperanto », kiel omaĝo do al D-ro Zamenhof, kaj en kunlaboro inter la redaktoro de la libro, kiu cetere estas Esperantisto, kaj la Brita Esperanto-Asocio.

Tiu ĉi lasta decidis aranĝi represon de tiuj ĉi ok paĝoj en la formo de broŝuro, kiun ŝi mendis grandkvante kaj vendas je malalta prezo de 6 pencoj + afranko. En nia lando, ĝi estas akirebla de la Instituto, je Fr. 5.

Malgraŭ la fakto, ke la malgrandaj tekstoj estas en angla lingvo, ni ne dubas ke multaj el niaj legantoj volos aĉeti tiun broŝuron por si mem kaj ankaŭ por donaci al junaj varbotoj.



# La 45a Universala Kongreso de Esperanto

## OFICIALAJ KOMUNIKOJ

**Baza artikolo :**

Jenaj lokaj Esperanto-Societoj mendis la Kongresan bazan artikolon por organizi belgajn vesperojn : Horsens, Nova Zagora, Epernay, Fécamp, Wattrelos, Toulouse, Bad Hersfeld, Barcelona, Mova, Papa, Poznan, Torun, Selzach, Cittadella, Parizo, Nordfranca E.-Federacio, Göteborg, Nybro, Uppsala, kaj Trelleborg.

**Sonbenda programo :**

L.K.K. preparis 34-minutan sonbendan programon kun belga (flandra kaj valona) muziko, mesaĝo de la Prezidanto de L.K.K., parolado de la K.K.S. kaj oficiala invito de la Urbestro de Bruselo. La sonbendo estas senpage mendebla ĉe la kongresa oficejo flanke de lokaj Esperanto-societoj regule aliĝintaj al Landa Asocio.

Jenaj Esperanto-Societoj ĝis fino de marto mendis la kongresan sonbendon : Angers, Wattrelos, Mova, Trelleborg, Varsovio, Bad Hersfeld, Hannover, Esslingen, Bammental, Wuppertal, Blieskastel/Saar, Hago, Horsens, Nové Zamky, Nova Zagora, Pazarĝik, Torino, Bydgoszcz, Munkeno, Welper-Ruhr, Nürnberg, Hamburgo, Sutton, Cambridge, Leewarden, Liono, Marq-en-Barœul, Zurich, Pisek, Zizkova, Gara Levski, Kubrat, Bjala, Sarajevo, Caracas, Steyr.

**Muzikaj programoj :**

La kvarteto « Beltono » de la Pola Radio kantos en Esperanto dum la muzikaj programoj de la Universala Kongreso.

Aliflanke la 60-persona horo de Esperanto-Filmo Germanujo prezentos programon de diverslandaj popolaj kantoj.

**Filmoj en Esperanto :**

Preskaŭ seninterrompe dum la kongresa semajno estos projekciataj en Bruselo serio da elitaj belgaj turismaj filmoj kun sinkronizita parolo en la Internacia Lingvo. La parolo estas zorgita de la Esperanto-Societoj en Antverpeno, Bruĝo kaj Bruselo.

**Speciala kurso :**

La Kongresa Komitato malfermis specialan kurson por la turismaj gvidistinoj (hôtesses) de la urbo Bruselo.

**Stipendioj por la Universala Kongreso :**

Brita Esperantista Asocio asignis du senpagajn aliĝojn kaj premiojn de 25.- anglaj pundoj al konkurso por gejunuloj de la Junulara Sekcio de B.E.A.

En la kadro de sia konkurso, Esperanto-Filmo Germanujo disponigas du stipendiojn de po 150.— kaj 90.— gm. por partopreno en la Universala Kongreso.

**Fervoja rabato :**

La belgaj fervojoj asignis 25 %-an rabaton al ĉiuj kongresanoj, kiuj partoprenos en la 45-a Universala Kongreso de Esperanto en Bruselo.

**Somera Universitato :**

La Estraro de U.E.A., dum sia Paska kunsido, akceptis jenan programon por la Internacia Somera Universitato en Bruselo :

1. « Internacijuraj problemoj de spacveturado » (Prof. D-ro Ivo Lapenna)
2. « Juraj problemoj pri atoma energio » (Prof. D-ro Marcel Roost)
3. « La eŭropa angilo tute ne frajas! » (Kuratoro C. Stop-Bowitz)
4. « La belga literaturo, vidata el Francio » (Prof. Gaston Waringhien)
5. « Toponimio aŭ studo de loknomoj » (Prof. D-ro W.E. Collinson)
6. « Rilatoj inter Kanariaj Insuloj kaj Flandrujo » (D-ro Juna Régulo Pérez)
7. « Jogo, Filozofio, celo kaj praktiko » (Lic. Tibor Sekelj)
8. « Esperantaj kantoj kaj ilia komponado » (Frank Merrick, F.R.C.M.)

**Oratora konkurso :**

La Estraro de U.E.A. decidis, ke la Oratora Konkurso enhavu jenajn temojn :

— « Internaciismo, naciismo kaj patriotismo »
— « Aspiroj de la junularo en mia lando »
— « La internacia jaro de la rifuĝinto »
— « Sporto — ĉu rimedo de internacia amikiĝo ? »
— « Virinaj rajtoj »

Rajtas partopreni en la Oratora Konkurso gejunuloj ĝis 28 jaroj. La premioj estos jene dividitaj :

1-a premio = 2.500,— b.fr.

2-a premio = 2.000.— b.fr.
3-a premio = 1.500.— b.fr.
La unua premiito ricevos, krome, arĝentan pokalon kun la surskribo « Oratora Konkurso de U.E.A. — Premio Ivo Lapenna » — persona donaco de la Generala Sekretario de U.E.A. La pokalo, kun engravurita nomo de ĉiu unua premiito, estos transdonita ĉiujare de gajninto al gajninto. La juĝokomisiono konsistas el : S-ro M. Jaumotte, Prof. G. Waringhien kaj S-ino E. Lapenna.

**Sekcioj :**

La Estraro de U.E.A. decidis, ke la Kongreso laboru en du sekcioj :

1) « Esperanto en la lernejoj ». (Prezidanto : Prof. D-ro I. Lapenna)

2) « Kultura kontribuo de Esperanto al la Granda Projekto de UNESKO Oriento-Okcidento ». (Prezidanto : S-ro Norman Smith.)

**Katolika diservo :**

La katolika diservo okazos en la Preĝejo S. Gudulo. Pastro Edmond Rohen predikos pri « La Universala tasko de la Eklezio ».

**Teatra vespero :**

La internacia Arta Teatro gvidata de S-ro S. Flego ludos en Esperanto por la kongresanoj la triaktan komedion de Goldoni « Kurioza okazaĵo ».

**Blindula Kongreso :**

La 30-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj okazos en la kadro de la 45-a Universala Kongreso de Esperanto. Adreso : S-ro C. A. Verlinde, Kromme-Mijdrechtstr. 66 (1), Amsterdam Z, Nederlando.

**Foto-ekspozicio :**

La Loka Kongresa Komitato decidis organizi internacian ekspozicion de fotografaĵoj okaze de la 45-a Universala Kongreso en Bruselo, kun premioj de diversaj grandaj foto-firmaoj de Belgujo. Per tia unuafoja ekspozicio L.K.K. esperas respeguligi la internaciecon de Esperanto.

*Regularo :*

1. Povas konkursi ĉiu esperantisto, kiu estas individua aŭ asocia membro de U.E.A.
2. Ĉiuj temoj estas allasataj.
3. La bildoj devas esti faritaj je formato de minimume 24 × 30 cm. kaj sur blanka paperspeco.
4. La bildoj ne estu enkadrigitaj.
5. Sur la dorsflanko de la bildo troviĝu la nomo kaj adreso de la ensendinto kaj, eventuale la titolo de la verko. Prefere la verkoj estu senditaj kiel presaĵo, kun la mencio : « Fotoj por ekspozicio — sen komerca valoro ».
6. La fotoj devas esti senditaj al : S-ro G. Debrouwere, Magdalenastraat 29 Kortrijk (Belgujo). plej laste la 30-an de junio 1960.
7. La alsenditaj fotoj restos propraĵo de L.K.K., sed estos eventuale uzataj nur post interkonsento kaj kun mencio de la nomo de la alsendinto, escepte por publikigo en la Esperanto-periodaĵoj, por kio la nura mencio sufiĉas.

**Oficiala antaŭkongreso :**

Oni ricevas informojn pri la Oficiala Antaŭkongreso en Arnhem (de la 27-a ĝis la 29-a de julio 1960) ĉe la sekretario : S-ro H. Groendijk, Pontanuslaan 7, Arnhem (Nederlando).

**Fakaj kunsidoj :**

Mendis Fakajn Kunsidojn :

— Esperanto Sakligo Internacia. Adreso : S-ro Torsten Lindberg, PräsSebo, Svedujo.

— Internacio de Militrezistantoj : « Bazaj principoj de pacifismo ». Adreso : S-ro Alfred G. Tucker Birchcroft. Pilgrims way, Harbledown, Canterbury, Kent, Britujo.



# Prepar-tagoj al la 45a U.K.

## La kunlaborontoj kunvenos dufoje en Bruselo

Por kiel eble plej plialtigi la ŝancojn, ke, post la Kongreso, ĉiuj vizitintoj proklamos ke *la 45a en Bruselo estis bone organizita*, — kion ni tamen ĉiuj deziras, kaj por ili kaj por ni mem —, la L.K.K. decidis organizi du prepar-tagojn en Bruselo, al kiuj ĉiuj kunlaborantoj estas invitataj ĉeesti kaj kiuj okazos je la *Ĉielira Tago* (la 26an de majo) kaj je la *Nacia Festotago* (la 21an de julio).

Dum la unua, ĉiu povos eldiri siajn proprajn preferojn aŭ emojn rilate al la laboro plenumota dum la Kongreso kaj ankaŭ fari ĉiujn sugestojn rilate al la teknikaj aranĝoj kaj al la plibonigo de tiuj ĉi.

Dum la dua, — je nur kelkaj tagoj de la Kongreso mem, — la ekipoj por la diversaj laboroj estos formataj kaj okazos malgrandaj ripetadoj de la plej gravaj taskoj, tiel ke ĉiuj, tute ekzakte, scios kion la L.K.K. kaj precipe la kongresanoj atendas de ili.

— Kristana Esperantista Ligo Internacia. Adreso : S-ro De de Boer, Druivenstr. 32, Den Haag, Nederlando.

— Veterana Esperantista Klubo : « La frujara aktiveco de la pioniroj ». Adreso : S-ro Maurice Lewin, 33 Kingscroft Ave, Dunstable 674, Britujo.

— Eŭropa Lingvo-Kampanjo : « Historio kaj nuna stato de la eŭropa integriĝo ». Adreso : D-ro Wilhelm Herrmann, Bürstadte str. 3, Lampertheim/Hessen, Germanujo.

— Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio, D-ro Rudolf Klimek, ul. Braterska 18, Kraków, Pollando.

— Budhana Ligo Esperantista, S-ro M. Bury, Boîte Postale 89, Liége I, Belgujo.

— Kvakera Esperantista Societo, S-ro J. Saunders, Sydney Lodge, Bath Rd., Ventnor I W, Britujo.

— Rotario Internacia, S-ro Maurice Lewin, 33 Kingscroft Ave., Dunstable 674, Britujo.

— Studenta Tutmonda Esperantista Ligo : « Problemoj de la Studenta Ligo, Enkonduko de Esperanto en la Universitatojn ». Adreso : S-ro Paul Ciliga, 17 rue Duguay-Trouin, Paris VI, Francujo.

— Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista : « Internacia katolika laborista junularmovado ». Adreso : Sac. A. Beckers, Kwaadmechelen, Belgujo.

— Internacia Fervojista Esperantista Federacio : « La belgaj fervojoj. Fervojoj kaj lingvobaroj Prizorgado de belgaj fervojistidoj ». Adreso : Esperanto, Gare Centrale, Bruselo.

— Internacia Geografa Asocio. Adreso : S-ro von der Ley, Ulrichstrasse 18, Tailfingen/Württ., Germanujo.

— Internacia Scienca Asocio Esperantista. Adreso : Prof. D-ro B. Popovic, Zagrebacka 18, Sarajevo, Jugoslavio.

— Liberekonomia Movado : « Publikigo de la esperanta traduko de la « Natura Ekonomia Ordo ». Adreso : S-ro F. Swinne, 77 rue de Nieuwenhove, Bruselo-Uccle.

— Tutmonda Esperantista Jurnalista Asocio. Adreso : S-ro O. Thormodsen, Box 132, Haugesund, Norvegujo.

— Societo de Gefratoj : « La fino — au nova komenco ? ». Adreso : Societo de Gefratoj, Bromdon, Bridgnorth, Shropshire, Britujo.

— Iniciata Komitato de Internacia Elektrista Asocio : « Problemo de la plej bona formo de elektraj maŝinoj ». Adreso : Prof. H.S. Kozlowski, ul. Balckèiego 20 m. 8, Varsovio, Pollando.

— La Esperantista Spiritista Societo : « Esperanto kaj psika esploro ». Adreso : H.W. Holmes, 38, Fillebrook Road, London E. 11, Britujo.

**Nova karavano :**

Brita Esperantista Asocio anoncas karavanon al la Universala Kongreso. Komisiitino : S-ino Elsa M. Raplev, 89 Mount Pleasant, Ruislip, MMdsx., Britujo.

# BELGA KRONIKO

**Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.**
**Vicprezidantoj : S-ro Henri SIELENS, Falconrui, 21, Antverpeno ; D-ro Pol DENOEL, 20, rue Victor Raskin, Liège.**
**Vicprezidantino : S-ino Julia PLYSON, 185, rue Jourdan, Bruselo.**
**Generala Sekretario : S-ro Luc DE MARRE, Groenendaallaan, 232, Antverpeno.**
**Kasistino : F-ino Rosette HUYSMANS, Steenweg op Brussel, 114, Meise.**
**Administranto de B.E. : S-ro François SCHELLEKENS, Frans Hensstraat, 44, Antverpeno.**
Reprezentanto de TEJO : S-ro Nico Van Herck Tolstraat, 48 Antverpeno
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

ANTVERPENO

**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »**
Poŝtĉeknumero : 726.54

La 4an de marto S-ro R. Van Eynde prezentis belajn dokumentajn sonfilmojn kolorigitajn pri Belga Kongolando, inter kiuj grandioza erupcio de vulkano. Li prizorgis tamen « grandan surprizon », en formo de kombinitaj projekcioj de kolor-diapozitivoj pri la 4 sezonoj ; muziko de Vivaldi substrekis la vere feinan tutaĵon. Varma kaj longdaŭra aplaŭdo, same kiel la dankvortoj de la Prezidanto, S-ro M. Jaumotte, konkludis tiun belegan vesperon.

La 11an, S-ro Eug. Paesmans paroladis pri « Grekujo » montrante belan kaj artan kolorfilmon pri la antikvaĵoj de tiu historia lando. Li plue prelegis pri la ekesto kaj evoluo de la « Olimpaj Ludoj », pri la grekaj literaturo kaj lingvo kaj tute aparte li pritraktis ankaŭ la vivon de la Helenoj en Antverpeno.

La 18an, la parolata ĵurnalo estis prizorgata de S-ino Jeanne Andries, helpata de ŝia edzo. La paroladistino agrable surprizis la ĉeestantojn per sia bela stilo kaj klara lingvo kaj speciale pro la vigla maniero de prezentado. Dum la unua parto, ŝi pritraktis « la Orkideojn », la famajn kaj multekostajn florojn pri kiuj abundaj lumbildoj estis montrataj. Dum la dua parto ŝi « gastronomie » surprizis la aŭdantaron per kukoj membakitaj en formo de verda stelo kaj kies recepton ŝi « humorplene » konigis per amuza rakontado ilustrita per trafaj karikaturaĵoj verkitaj de ŝia edzo. Kiel « debuto » iĝis plena sukceso kaj scivoleme jam oni atendas novan paroladon. S-ro M. Jaumotte varme kaj afable dankis kaj por kompletigi la programon li montris serion da fotografaĵoj pri la vivo de D-ro Zamenhof, kiun li lerte komentariis.

La 25-an : F-ino Bl. Geers organizis kulturan distran vesperon kaj per multaj diversaj ludoj kaj la uzado de la lumbildaparato plene sukcesis amuzi kaj distri la ĉeestantojn.

La I-an de aprilo, post longa tempo, S-ino L. Merckx elĉerpis « El la malnova Skatolo » amason da rememoraĵoj el sia juneco. Ŝiaj stilo kaj « specialaj lingvo-esprimoj » vekis la ridemon de la publiko kaj en gaja atmosfero la Prezidanto S-ro M. Jaumotte dankis kaj konkludis la programon.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw », 4 je la 20,15a h. (Ia etaĝo).

MAJO : (memorige) la 6an : Tra la Mondo, 9a serio « Jugoslavujo » ; la 13an : Parolado kun lumbildoj de F-ino E. De Coene pri « La Matterhorn » ; la 20an : Parolado de S-ro Jan Jacobs, pri « Romo » ; la 27an : Vespero dediĉata al la U.K. aŭ Radiofona teatraĵo.

JUNIO : la 3an : Dokumenta filmvespero ĉu de S-ro R. Van Eynde, ĉu pri UK-filmoj; la 10an: Kultura distra vespero gvidota de S-ro R. Jaumotte ; la 17an : solena diplomdisdono por la elementa somera kurso kun distra programo ; sabaton, la 18an : je la 15a h., solenaĵo por honorigi la « verdstelidoj »n, infanojn partoprenontajn al la infankongreso de la UK. ; la 24an : Tra la Mondo, 10a serio « Danujo ».





## LA DUA OFICIALA BULTENO APERIS

La Dua Oficiala Bulteno de la 45-a Universala Kongreso de Esperanto en Bruselo ĵus aperis.

Ĝi ampleksas 46 paĝojn da teksto, plus 4 internaj paĝoj sur luksa papero kun bildoj de ĉiuj L.K.K.-anoj kaj de la Kongresejo, plus kvarpaĝa kartoneta verdkolora kovrilo.

La Bulteno enhavas ĝeneralajn informojn pri la Kongreso, ties kompletan provizoran programon, programojn de la Infana Kongreseto, Cseh-Seminario, Junulara Kongreso en Rotterdam, Antaŭkongreso en Arnhem, plenajn informojn kun mendilo por loĝado, ekskursoj kaj bankedo, kaj regularojn pri la Internacia Esperanto-ekzameno, Oratora kaj Belarta Konkursoj. Pluraj anoncoj pliriĉigas la eldonaĵon.

La bulteno estas senpage sendata al ĉiuj kongresanoj.

Estas interese scii, por komparo, ke la nunjara Dua Bulteno estas la plej ampleksa el ĉiuj ĝisnunaj kongresoj : ankoraŭ en 1956 la Dua Bulteno konsistis el 18 paĝoj.

**Funebro**
**B.E.I.-administrinto**
**Charles Van der Veken**

En la antaŭa numero, ni informis pri la subita morto de F-ino Yvonne Van der Veken, de multaj jaroj, fidela membrino de la « La Verda Stelo ».

Nur kelkajn tagojn poste, la sama familio estis funebranta pro plua morto, tiu de la frato de F-ino Yvonne Van der Veken kaj de S-inoj Coventry (Britujo) kaj Chomette (Usono) : S-ro Charles Van der Veken, kiu iam ludis gravan rolon en la grupo kaj estis kunfondinto kaj administranto de Belga Esperanto-instituto.

Ni prezentas al lia vidvino, S-ino Jeanne Van der Veken-Van Bockel, kiu, dum multaj jaroj, estis plej sindonema sekretariino de la Grupo ; al ŝia patrino S-ino Van Bockel, al ŝiaj infanoj kaj al aliaj gemembroj de tiu ĉi vere verda familio, la esprimon de niaj plej profundaj kondolencoj.

S-ro Maur. Jaumotte prezentis dum la enteriga ceremonio la kondolencojn de Belga Ligo kaj de loka Grupo.

**Naskiĝo**

Ni ĝojas pro la aviĝo de S-ro Georges Van den Bossche, direktoro, de B.E.I., kaj la gepatriĝo de G-roj Mannaerts-Van den Bossche, per la naskiĝo de knabineto Carla.

Ni prezentas al la avo, al la patrino Maryse, membrino de la grupo, kaj al la feliĉa patro niajn plej sincerajn gratulojn.

BRUGO

**Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo**
(Poŝtĉekkonton N-o 4835.33)

La lecionoj de la elementa kurso daŭriĝis dum la unua horo de ĉiu marda kunveno. La dua horo estis dediĉata kiel kutime al praktika uzo de la lingvo por ĉiuj ĉeestantoj.

La 15an de marto, en la kadro de la parolata gazeto, S-ro. Ch. Poupeye paroladis pri « La fonografo kaj Esp. » ; F-ino M. Willems rakontis pri « Savado de hundo » kaj S-ro M. Poupeye diris kelkajn humoraĵojn.

La 22an kaj la 29an, la ĉeestantoj kartludis per Leksikon-kartoj por formi krucvortojn en Esp.

Ĵaŭdon 31an, okazis speciala publika kunveno organizita de la loka EKI, en salonego de la « Gilde ». Pli ol cent personoj ĉeestis por aŭskulti la japanan ĵurnalistinon, F-inon Joŝiko Kaĵino, kiu plej interesse paroladis pri japanaj kutimoj kaj skribsignoj. Ŝi plie montris belegajn kolordiapozitivojn, aŭdigis japanan muzikon kaj artplene prezentis, en nacia kostumo, diversajn dancojn el

sia lando. Fine, ŝi ankoraŭ nelacigeble respondis al multnombraj demandoj de la ĉeestantoj, eĉ de ne esperantistoj, por kiuj Drs. F. Roose, nunjara prezidanto de EKI, interpretistis, tiamaniere ke la ne-esperantistoj miris pri la facila interkomprenigo pere de Esperanto inter anoj de tiel malproksimaj nacioj. Fine, S-ro Ch. Poupeye, nunjara vicprezidanto de EKI, dankis la parola distinon kaj la publikon. Ĉeestis ankaŭ lokaj jurnalistoj, kiuj aperigis en sian gazeton tre favoran recenzon kun grupa fotografaĵo.

Dum la kunveno de la 5a de aprilo estis detale raportata pri tiu japana vespero kaj tiu de la 12a estis agrabligata per lerniga Esperanto kartludado.

La 19an okazis gvidata interparolado, precipe pri la proponita ekskurso al Bruselo (dimanĉon 24an), prepare al la U.K.

**Programo por la venontaj kunsidoj :**

Ĉiumarde, je la 8a vespere, en la kunvenejo « Strijdershuis », Hallestraat, 14; Tel. N-o 347.98 :

Dum la unua horo de ĉiu kunveno : leciono de Perfektiga Kurso : ĉiuj gemembroj, eĉ malnovaj, estas invitataj ĝin ĉeesti. Dum la dua horo : ordinara kunveno kun jena programo :

**Majo** : 3an : Konkursludoj ; 10an : Raportado pri la kermesa foiro; 17an: Parolata gazeto ; 24an : Kanta vespero; 31an: Raportado pri la labora kunveno por la U.K. Bruselo 26-5.

**Junio** : 7an : Parolata gazeto : ĉiu preparu artikolon aŭ artikoleton; 14an: F-ino Y. Poupeye parolados pri « Vojaĝo al Parizo »; 21an: Kanta vespero ; 28an: Debato: Libertempaj projektoj.

N.B. Okaze de belega vetero, iu aŭ alia el tiuj programeroj povos esti anstataŭata per gvidata promenado. Tial la gemembroj alvenu akurate je la 20a en la kunvenejo.

BRUSELO

**Reĝa Esperantista Brusela Grupo**
(Poŝtĉeknumero : 12.30.48)

La 29an de februaro, S-ro Fighiera, K.K.S., prezentis al ni dokumentan filmon pri la urbo Mainz kaj aŭskultigis novan diskon kun esperantaj kantoj. Sukcesplena vespero.

La 7an de marto, S-ro Fighiera, paroladis detale pri « Tekniko de informado » kaj donis multajn taŭgajn konsilojn pri la informado farenda en ĉiu esperanta grupo ; poste li ankaŭ respondis al diversaj klarigaj demandoj. Koran dankon al tiu sperta specialisto!

La 14an, parolata jurnalo ; multaj partoprenis ; S-ro Castel gajnis per 42 poentoj.

La 21an, Perfektiga Kurso de S-ro van der Stempel, kiu lerte instruis nin pri la kelkaj malfacilaĵoj de Esperanto.

La 28an, Eksterordinara Japana Vespero, fare de F-ino Joŝiko Kajino, japana jurnalistino el Tokio ; ŝi montris lumbildojn pri popolaj kostumoj, familia vivo, tea ceremonio, floraranĝoj, popolaj dancoj, geedziĝa festo de la Princo, tradiciaj kutimoj, ktp ; ŝi ankaŭ aŭdigis japanan muzikon kaj kantojn ; ŝi klarigis al ni la kernon de la japana lingvo, kaj komparis ĝin al Esperanto laŭ gramatika vidpunkto ; fine, ŝi rakontis pri la japanaj moroj.

Amasa ĉeesto de la brusela esperantistaro al tiu valora programo. Joŝiko Kajino daŭrigis poste al Bruĝo, Gento, Londono, Romo ktp ; kaj ŝi antaŭvidis la eblecon ĉeesti la 45an U.K.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**
Ĉiulunde, je la 20a h., en la I-a etaĝo de hotelo Monico Nord, 2, Brabantstrato (placo Rogier), Bruselo Ia, tel. 15.26.01.

MAJO : 2an : Parolata jurnalo ; 9an: Parolado de S-ro Castel : « Humoro, Humoristoj, Humoraĵoj » ; 16an : Perfektiga Kurso, fare de S-ro van der Stempel ; 23an : Distra vespero, fare de S-ino Ross ; 30an : Debatvespero.

JUNIO : 6an : ne okazos kunveno pro pentekosta lundo ; 13an : Parolado de S-ro Pierre Piron : « Eltrovo de la Fotografio » ; 20an : Perfektiga Kurso, fare de S-ro van der Stempel ; 27an : Disdono de la kursaj diplomoj al la gelernintoj.

LIEĜO

**Lieĝa Grupo Esperantista**

La 12an de aprilo, D-ro P. Denoël prelegis pri la temo « La Interna Ideo de Esperanto » ĉeestis en « Prince de Liège » 23 membroj de diversaj grupoj, kiuj plej atente aŭskultis la oratoron, al kiu poste estis farataj demandoj. — Poste komenciĝos perfektiga kurso ĉiusemajne dum du monatoj — En junio okazos prelego (kun lumbildoj) de F-ino G. Wolff.

**Promocio**

Du simpatiaj membrinoj de nia Grupo ricevis altan promocion.

S-ino Alice Delord estas nomita Direktorino ĉe la registaro de Lieĝa Provinco.

F-ino Marie Godfroid, profesorino en la Mezlernejo, instruas nun rusan lingvon en la Supera Komerca Instituto de urbo Lieĝo.

**Honorigo de S-ro Jules Koeune**

En Verviers okazis, je la fino de marto, varma elmontro de simpatio al unu el niaj malnovaj kunlaborantoj S-ro Jules Koeune, kiun la registaro, pro liaj meritoj kaj streĉado sur la Esperanta kampo, honorigis per la Oraj Palmoj de la Kronordeno.

Tiucele kunvenis en la Kafejo « Colonial » multaj amikoj, inter kiuj S-ro Senatano Vandermeulen, honora prezidanto de la « Verviersa Grupo » ; D-ro Pol Denoël, vicprezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista ; S-ro Jos. Hérion, prezidanto de la « Verviersa Grupo », S-inoj Zurstrassen kaj Mouland, prezidantino kaj sekretariino de la Blindula Societo ; Ges. Demarche, sekretariino kaj kasisto de la Verviersa Grupo; S-ro Vanbreuse, profesoro ĉe la Ateneo kun kelkdekoj da lernantoj, kiuj sekvas la esperanto-kurson en tiu lernejo ; kaj delegacioj el Lieĝo kaj Aachen.

S-ro Hérion malfermis la kunsidon kaj bonvenigis ĉiujn al kiuj li klarigis la celon de tiu ĉi festa kunveno.

Poste S-ro Senatano Vandermeulen gratulis la honorigiton, dirante pri li ĉion kion li, en diversaj funkcioj, en la loka grupo, en la trilandaj renkontiĝoj kaj en la belga Ligo faris por la antaŭenpuŝo de nia lingvo. Fine, S-ro Van-

# Recencoj...

Julio BAGHY : " **Sonĝe sub pomarbo** ". Triakta lirika komedio en ses fantaziaj bildoj. — Antaŭparolo de Marjorie Boulton. — Kovrilo de John Hartley. — Dekoracioj de Stefano Barta. — Portreto de la aŭtoro. — Eldonis J. Regulo, La Laguna, Kanariaj Insuloj, 1958, kiel n-ron 14 de la Bel-literatura Eldon-serio " Stafeto ". — 232 paĝoj de 16 × 22 cm. ; Prezo : 1,80 usonaj dolaroj aŭ egalvaloro, plus sendkostoj.

" **Sonĝe sub pomarbo** estas juneca idilio, ĉarma lirika komedio verkita per rimitaj versoj tiel fluaj, ke ili legiĝas kvazaŭ vigla konversacia prozo. Neniam la arto estis pli arte kaŝita : nur la atenta okulo malkovros la virtuozecon de tiuj glataj versoj, sed ĉiu leganto senpere ŝatos la kristalan stilon laj la ravan interludadon kaj templekton de ĉi tiu aroma dramo. "

Tiel la eldonanto finas la surkovertan biografian noton kiu nin enkonduku al la aŭtoro kaj lia plej nova verko. Saĝa leganto emas nur singarde fidi al tiaj laŭdoj tro similantaj al komerca reklamo, sed li baldaŭ trovos ke ĉi-foje ne ekzistas kaŭzo malfidi. Ĉar, se laŭ la nombro de la jaroj J. Baghy neeviteble maljuniĝis, lia sentemo malgraŭ ĉio restas eterne juneca, kaj lia artisma esprimpovo : elstare majstra.

Juneca idilio, efektive. Almenaŭ ĝi komenciĝas, kaj finiĝas, kiel ĉiuj " klasikaj " idilioj de junaj homidoj ĉe la sojlo de la vivo, kiujn mistere pelas la pikilo de la amsopiro, — kiel ĉiuj idilioj en kiuj la ĉiama Eva kaj la same ĉiama Adamo senrevene sin trovas reciproke. Ŝi kaŝe elektas, sin lerte rimarkigas, provokete fuĝas, kaj je oportuna



dermeulen pinglis la medalon sur la bruston de S-ro Jules Koeune.

D-ro Pol Denoël alportis la simpatisaluton de Reĝa Belga Ligo, kies administranto estas S-ro Koeune, kaj ankaŭ de la Lieĝa Grupo Esperantista.

S-ino Zurstrassen, nome de la blinduloj, diris sian felicon pro la honoro, kiu estas farita al S-ro Koeune kaj fine juna lernanto de la Ateneo, S-ro René Villevoye, alportis plej afablajn vortojn, nome de la novaj adeptoj de nia lingvo.

Kaj honorvino estis rondigita.

« Belga Esperantisto » aldonas siajn tre sincerajn gratulojn al tiuj, kiujn S-ro Koeune ricevis ne nur buŝe dum la ceremonio, sed ankaŭ telegrame kaj skribe kaj kiuj cetere estis ankaŭ laŭtlegataj dum la ceremonieto.

*

Aldonu ni, — same kun niaj koraj gratuloj —, ke post la oficiala parto de tiu ĉi ceremonia kunveno, la Ora Medalo de la Granda Premio de l'Bono kaj Merito de la Nacia Federacio de la franca Kuraĝigo al Sindono » estis transdonata de la prezidanto-fondinto S-ro Fernand Bay, al G-oj Jos. Jérion, pro ilia senlaca laboro, jam de pli ol kvardek jaroj, al la esperanta movado.



momento lasas sin kapti. Ŝajne. Provizore. Ŝi alterne altiras, repuŝas en senkonscia provo certiĝi pri inklino kiun ŜI vekis, antaŭ kiu ŜI siavice aspiras kapitulaci por LIN sklavine ami. " Geamantoj kveras... kaj kverelas ", certe, sed la lertajn manovrojn de la Eterna Idolo LI ne eskapos. Eĉ neniel deziros eskapi. Kio ja pli ebriige feliĉiga ol tiu ilia perfekta amo . . . Spitante la instruojn de la sperto, la eternaj Geamantoj promesas al si, ke ĉiam tiu amo ardos en la koro, eĉ se la juneco forpasos. Ne fariĝos ili, ho ne, kiel la geavoj, kies korinklinon la ĉiutagaj banalaĵoj finfine mizere lamigis.

Sed kial iluziiĝi ? Certas ja, " ke nia ard' somera trovas finon... " Ho, se la homo povus eterne resti juna . . .

Kun tiu deziro sur la lipoj, ili forglitas en la mondon de la sonĝoj, de sonĝoj sub pomarbo.

Enkorpigante la sonĝon, la aŭtoro liberigas sian riĉkoloran fantazion. Faŭno kaj Nimfo, feinoj kaj elfoj, per fabelaj turnodancoj tikle ĉarmas la imagon, kiel poste la rikana venkokanto de la Morto ĝin frostigos. En la sonĝo, la deziro de la Geamantoj " morton venki kaj eterne vivi " plenumiĝas. Sed kial nur duone ? ? ? Ĉu kulpas pri tio kaprico de la aŭtoro, aŭ spitemo de malica sonĝo ? Fakte, ensonĝe la Geamantoj restas junaj, sed ne plu vere vivas. La vivon ili ne plu partoprenas. Ili nur ĉeestas dum la ĉiam pliaĝiĝanta mondo preterpaŝas, ilin ignorante. Tia sonĝo baldaŭ fariĝos netolerebla inkubo. Jen la artifiko por repacigi ilin kun la ĉiutaga vivo, malgraŭ ĉiuj ĝiaj mankoj : la **veran vivon** (tiel ili nomas ĝin) ili arde sopiras. Jen :

" Ni ree luktos, kreos kun kuraĝo,
limigos nian volon nur la aĝo.
Ĉu grave ke ni devas tombon fali,
se vivon, tempon havas ni batali. "

Ĉu kredeble, kiel niaj kveremaj kolomboj ŝanĝiĝis ? Nu, iel ajn la sonĝo kuracis ilin de ilia romantika sopiro pri eterna juneco kaj amo ĉiama, ial ajn ili kuraĝe resaltas ambaŭpiede en la realan vivon :

" For pesimismon dum ni junaj estas " . . .
" Ne nur ĉeesti, sed batali . . . vivi . . . "

Kaj kiam finlegante la verkon, ni mire demandas kiun celon la aŭtoro per ĝi intencis trafi, niajn okulojn kaptas la lastaj interkrampaj linioj : " . . . tiu lirika komedio, kiun mi surpaperigis por rifuĝi el la anim- kaj nervmuela angoro dum la morna historia tempo en vintro de 1956-1957. " Jes, efektive : iam en la prologo la aŭtoro nin avertis, ke fuĝi li volis, fuĝi li devis, fuĝi ien ajn for de la terura realo, ĉar fore, en la patrolando " la homoj bestiĝis kaj la tero sorbas fratan sangon ". Fuĝi li volas al belo, por forgesi, al fantaziaj bildoj eĉ, se en la realo la belon oni jam strangolis. La revo pri juna, pura amo kiu feliĉe ankoraŭ ĉiam vibrigas la homan koron, distilos konsolon, eble esperon, al kiuj ploras super ruinoj. Ŝerco kaj petolo dummomente forviŝas zorgojn suferigajn. Distrante, fantaziaĵo anesteze efikas. Milda moko aŭ tranĉa ironio fariĝas savklapo al premeganta amaro, al senpova ribelo.

Moko pri la Progreso, ekzemple. Perscienca potenco nekredeble ampleksiĝos. Sed kompense la Homo pereos. La Homo fariĝos sen-

senta maŝino, por kiu la vivo perdis ĉiun poezion, por kiu amo senvaloriĝis je nura funkcio. Aŭ alia ekzemplo. En la 19-a jarcento la ĝendarmoj de la reĝimo masakris la laboristojn manifestaciantajn por rajtoj kaj libero de la popolo. Progreso venis. Multe promesis. Nenion ŝanĝis. Oni plu murdas la revon pri justeco, sed pli science. Kaj pli terurige.

Zigzage la obsedo de la turmento kuntrenas la aŭtoron sur plej diversaj terenoj. Ĉu mirige se kelkloke malantaŭ la teksto ni ne malkovras lian aludon, ĉu mirige se apud geme poluritaj pecetoj kelkaj versoj ne sufiĉe maturiĝis kaj restas enigmaj?

La Esperanta publiko nedudeble bonvenigos tiun plej novan titolon de Stafeto, per kiu ĝia ŝatata aŭtoro rompis tro longedaŭran silenton kaj plenpove revenas al ĝi. Eĉ se ĝi restos iom skeptika, kiam en sia brila Antaŭparolo — eble pli lirika ol la lirika komedio mem — M. Boulton antaŭvidigas la eblon ke " iam tiu ĉi lirika dramo estos klasikaĵo de la tutmonda, homa literaturo ".

F. C.

Prof. Dr. Helmut ARNTZ : " **Faktoj pri Germanujo** " El la Germana tradukita de ? (verŝajne aro de esperantistoj). 72 paĝoj. Tre riĉe ilustrita, kun multaj statistikoj.

Ĝi estas la libro kiun la Germana Federacia Registaro disdonis senpage al la partoprenantoj de la universala kongreso en Mainz : kaj kiu ĝi nun disponigas al la Fremdlandaj esperantistoj por la prezo de nur unu respondkupono ! Vera donaco ! Ĝi estas tre interesa kaj tre bela. Tute kompreneble, ĝi prenas starpunkton kontraŭ la reĝimo en Orienta Germanujo kaj konsideras fakte kiel Orientan Germanujon la parton kiu troviĝas nun en la Pola ŝtato. Lingvo bona kaj klara. Sed ni ne povas allasi la vorton dojeno ; dekano estas la ĝusta vorto. Kara legant(in)o, rapidu havigi al vi tiun riĉan fonton de dokumentado. Adreso : S-ano Paul Hübner administranto de G.E.A. Bergisch-Gladbacher Strasze 109 Köln-Delbrück, Duitsland.





## *Naturalismo kiel Doktrino Interlingvistika*

*(fino)*

Kiuj argumentoj subtenas la ideologion naturalismo ? Nu, laŭ la naturalistoj la lingvo ne bezonas esti preciza aŭ logika. Laŭ ili ne necesas ke unu verto korespondu al nur unu ideo kaj inverse. Estas ne grave ke kanono estas samtempe pafilego kaj eklezia normo. La naturalistoj argumentas ke ni ne rajtas diri " vizio " se vision estas kvazaŭ internacia. Laŭ ili, la multo de la komunaj morfemoj estas la elirpunkto. Tiu materialo devas esti esplorita. Kaj la labormaniero fari el ĝi internacian lingvon ne devas efiki ke tiu materialo estas ŝanĝita. Alivorte ili diras ke la internaciaj vortoj ne rajtas aŭtonome formi novajn vortojn, sed kiel eble plej servi sin per la internaciaj radikoj. En naturalisman projekton do povas eniri nur lingvo-elementoj kiuj tuj de antaŭe estas familiecaj je ĉiuj uzantoj. La aktiveco de naturalisto kiel konstruanto de L.I. do povas esti nur pasiva : li povas elekti nur inter jam ekzistantaĵoj ; mem konstrui aŭ kunmeti la trovitajn elementojn li ne povas. La naturalistoj diras ke ankaŭ ja la esperantistoj ne plu kreas per vortfarado novajn vortojn, sed tute simple uzas vortojn kiel " malsanulejo " " kongresanaro " kiujn ili lernis per legado aŭ parolado kiel tutajn vortojn.

Ili klarigas ke ĉiu esperantisto devis kun peno lerni la vorton " vortaro " apud " vorto " kaj ke do oni ŝparis nenion. Kontraŭe, se oni estus adoptinta " lexico ", ĉio estus pli facila. Kaj ili montras al ni liston :

vider vidi previder antaŭvidi

| | |
|---|---|
| evident okulfrapa | provision procentaĵo |
| evidentie okulfrapeco | provisori duma |
| provider provizi | provisorium dumaĵo(?) |
| providentie providenco | improvisar improvizi |
| invidiar envii | improvisator improvizanto |
| invidie envio | improvisation improvizo |
| invidiose envia | revisor revizanto |
| vision vizio | revision revizo |
| visionari vizia | visa vizo |
| visibil videbla | vigiere viziero |
| visibilita videbleco | visitar viziti |
| invisibil nevidebla | visitator vizitanto |
| invisibilita nevidebleco | visitation vizito |

Tiu listo, laŭ ili, estas por montri ke esperanto estas pli temporaba en la lernado. Mi lasas la kontraŭargumentojn al vi, kara leganto. Ŝajnas al mi pli grave ke vi ankoraŭ kelkajn argumentojn de la naturalistoj ekkonu. Laŭ ili la internacieco estas ĉiuokaze la plej sekura kaj sola ebla gvidanto por kompili vortaron de L.I. Kaj ili asertas ke ekz. " reformation " estas ne malpli laŭregule formita ol " reformado " kaj ke la derivaĵoj en naturalisma sistemo estas egale facile analizeblaj kiel en Esperanto.

Mi juĝis necesa, senkomente submeti al vi la tezojn naturalismajn. Ĉiu esperantisto devas koni tiun doktrinon kaj havi respondon al ĝi.

## LISTO DE LA MEMBROJ-KOMERCISTOJ

### Antverpeno

Presejo « Espero », Dianalaan 180, Berchem.
Hugo Jacques, Lange Beeldekensstraat, 31, Presaĵoj Tel. 33.75.38
Henny Jacques, gramofon-diskoj por meminstruado Tel. 33.75.38
« Schoenen BED » (S-ino E. Bed), Herentalse baan 422, Wommelgem.
G. Faes, Schoenmarkt, 16. Ĉiuj muzikajoj, instrumentoj, radio kaj gramofono. Tel. 32.67.21
Roger Jaumotte, Cyriel Buyssestr. 44, Anoncoj en taĝĵurnaloj. Tel. 37.47.14
R. De Soete-Vanistendael, Heistraat 66, Wilrijk. Okulvitroj - Rab. 5 %
Cl. Peeters, Onderwijsstraat 68, Apotekejo Tel. 35.40.67
Firmo van Iseghem & Verstraeten, St. Bernardse steenweg 631, Hoboken Vitraĵoj — Speguloj. Tel. 37.88.20
J. Van Nereaux, Sterstraat 1, Viandisto Tel. 39.55.81
H. Peeters, Vordensteistr. 58, Schoten. Inĝen.: Neonlumo, Reklamoj. Tel. 81.48.47
Verdijck, St. Rochusstraat 174, Deurne. Ĉiaj asekuroj kaj hipotekoj. Tel. 39.06.07
P. Peelman, Volkstraat 34. Fumaĵoj — Pantofloj. Tel. 37.62.55
« In 't Duifken » (S-ano Paesmans), Lge Koepoortstr. 64: Kostumoj (5 % rab.)
M. Philips, K., Rogierstr. 1, Antverpeno. Korsetoj — Rab. 5-10 % p.l. membroj.
P. Vanderhoydonck-Van den Buys, Kapelsesteenweg 549, St. Mariaburg Ŝuoj — Teksaĵoj — Merceraĵoj. Tel. 74.27.86
J. Montmirail, Kortemarkstraat 53. Berchem. Arhitekto. Tel. 39.58.66

### Bruĝo

Marcel Poupeye, Elf Julistraat, 32: Ĉiaj asekuroj & pruntoj tutlande. Tel. 371.93
Charcuterie Strovi, Vlamingstraat 38 (Teatroplaco). Viandvaroj. Tel. 334.08
Maison Joye, Geldmuntstraat 29. Ĉemizoj, Gantoj, Kravatoj. Tel. 332.75
Firmo G. Verbeke, Spinolarei, 19: Konstrumaterialoj. Speciale naturŝtono de Jura. Nordaj ardezoj & ŝtonetoj « Marbrino », Kahelaroj, Fajencoj. Tel. 321.85
Pan- kaj Kukbakisto R. Rosseel, Mariastraat 30. Konsumsalono. Tel. 338.34

### Bruselo

M. Jirousek, 104 rue du Téléphone ; reklamoj kaj litertipoj Tel. 18.77.67
Farmaciisto Jacobs, 94 rue général Eenens Bruxelles 3. Tel. 15.26.01
« Bonbons Swinne », 77 rue de Nieuwenhove. Tel. 44.57.36
Carrelages « Carrat », 19 avenue de Saxe. Tel. 21.74.49

---

Permesu ke mi skribu nur unu gravan vidpunkton rilate al troa naturalismo : la vojo sekvita de Latino sine flexione kaj Interlingua, nome rezigni pri ĉiu aŭtonoma vortfarado, kondukus al tio ke oni por ĉiu ideo devus serĉi unu plej internacian vorton sen konsidero de ebla derivado. Tio devas konduki al la kaoso, ĉar ne por ĉiu nocio oni trovos vere internacian radikon. Bone konstruita sistemo de derivado ĉiam estos necesa. La vortfarado estas en realeco la koro de Internacia lingvo.

**Rimarko de la red.** Kun danko ni publikigas tiun ĉi tre interesan studo-artikolon. Iuj eble opinios ke tiuj diskutadoj inter lingvistoj estas pura teoriumado, longe for de le reala vivo. Vere. Tamen, ni pripensu ke tio estas la vivagado de la plej granda parto de la profesio misformiĝintaj intelektuloj. Kaj ke tiuj intelektuloj ne malpli havas grandegan influon. Vole nevole ni estas devigataj sekvi ilin sur tiu vojo kaj ĝustigi ilian falsan argumentaron. Espereble tiu artikolo vekos ehon. Respondecon pri enhavo havas la verkinto.

# KANAKO EL KANANAM

La aŭtoro, Kenneth G. Linton, servis en la Aŭstralia aerkorpuso dum la milito, kaj preskaŭ je ĝia fino li alvenis al Novgvineo. La rakonto tute ne estas primilita verko, sed priskribas liajn aventurojn kaj lian kreskantan amikecon kun la indiĝenoj de tiu malmulte konata regiono. La verko estas tiel interesa kiel romano, sed ankaŭ donas informon pri multaĵ indiĝenaj kutimoj.

200 paĝoj klare presitaj sur bona papero

4 landkartoj : 7 ilustraĵoj

Tole bindita : ilustrita polvŝirmilo

**Prezo: Fr. 98 plus afranko 10%**

*Eldonita de*

**The Esperanto Publishing Company Limited**
**100 Long Lane, Rickmansworth, (Herts.), Anglujo.**

*MENDU ĈE*

**BELGA ESPERANTO - INSTITUTO**
**Oostenstr. 26 — Antwerpen**
**Poŝtĉekkonto No. 1689.58**

## MENDILO

*Bonvole sendu al mi ekzempleron de* **Kanako el Kananam.**

*Nomo*..........................................

*Adreso*..........................................

..........................................

*Dato*.................... ....................

THE ESPERANTO PRINTERS, LTD., CHORLEYWOOD



# KANAKO EL KANANAM

(Aventuroj en la Ĝangalo de Novgvineo)

*Originale verkita de*

**KENNETH G. LINTON**

Antaŭa Prezidanto de Aŭstralia Esperanto-Asocio




*Kiam li komencis danci, frapante la takton per la tamburo, li certe pensigis min pri granda birdo.*

*Nova Libro eldonita de*

**The Esperanto Publishing Co. Ltd.**
**Rickmansworth, (Herts.), Anglujo**

# DU SPECIMENAJ PAĜOJ EL 'KANAKO EL KANANAM'

registron pri ĉiuj naskiĝoj, geedziĝoj, kaj mortoj, regule raportante tiajn okazaĵojn al la Distrikta Oficiro".

"Ĉu la enskriboj en tiuj libroj estas farataj angle aŭ en indiĝena lingvo?" mi scivolis.

"Nek angle, nek indiĝenlingve. Ĉiuj raportoj kaj enskribaĵoj estas farataj pisine, kaj ĉiuj ordonoj kaj instrukcioj estas eldonataj en tiu sama lingvo. Ne ĉiuj vilaĝestroj povas legi kaj skribi, do '*tultul*', aŭ interpretisto, estas asignita al ĉiu vilaĝo. La '*tultul*' estas ankaŭ vicĉefulo, deĵoranta dum la foresto de la '*luluai*'. La '*tultul*' prizorgas la enskribojn por la '*luluai*'.

"La '*doktaboi*', aŭ sorĉisto, ĉiam posedas sufiĉe da influo en la vilaĝa komunumo, sed lin ni allogas en nian sistemon pere de la instruo pri medicinaj aferoj. Multe de tiuj, trovante, ke la medicina scio multe ŝveligas ilian personan prestiĝon, ege interesiĝas pri ĉi tiu laboro. Efektive kelkaj fariĝas lertaj flegistoj.

"Estas devige, ke la nomoj de la '*luluai*', '*tultul*', kaj '*doktaboi*' de ĉiu vilago aperu en la registro. Faksimilo de ĉi tiuj registroj estas gardata ĉe la Distrikta Oficiro, kiu ĝin kontrolas okaze de la regula raporto."

"Periodaj inspektoj okazas en ĉiu vilaĝo", Johano daŭrigis. "Ĉiu persono devas esti enkalkulata kaj kontrolata laŭ la enskriboj. Ni ankaŭ kontrolas iliajn loĝejojn, boatojn, higienon, kaj terkulturadon".

Veturigante la rapidantan ĝipon laŭ la bona ĝangala ŝoseo, Johano rakontis al mi multajn interesaĵojn el sia sperto en la administrado indiĝena, tiel min instruante pri indiĝenaj moroj kaj kutimoj. Speciala kutimo tre impresis min, rememorigante min pri la propra sperto de la antaŭa semajno.

"Inter indiĝenoj", li diris, "krom je specialaj negocaj okazoj kiel edziĝo, aĉetado kaj vendado ne ekzistas. Kiam iu donacas, estas devige, ke la ricevinto refaru donacon, aŭ egalan aŭ plivaloran. Ĉi tiu redonaco estas atendata, ĉar indiĝenaj leĝo kaj kutimo sankcias tian interŝanĝon. Tialla donacinto sin konsideras trompe rabita, se la ricevinto ne reciprokas la donacon antaŭ kutima tempolimo. Indiĝeno ne rajtas nei ŝuldon, sin ekskuzante, ke li ricevis nur donacon".

Tiel okupate, ni baldaŭ traveturis la distancon inter nia



Mageu kaj Damok remis, dum mi ĉerpis la sangaspektan akvon.

La plej proksimaj kreskaĵoj estis rizoforoj, kies strangaj radikoj groteske disbranĉiĝis kelkajn metrojn super la marnivelo. La supraj interplektiĝintaj rizoforaj branĉoj formis densan baldakenon super la labirinto de serpentumantaj tuneloj, kiuj kelkloke kondukis nin eĉ inter la malregule kurbigitaj membroj de unu sola rizofora radikaro.

Sur kelkaj malaltaj radikoj, iom proksime al la surfaco de la malklara malhela senmova akvo, sidis pluraj strangaj fiŝetoj. Ŝajne ili spiras aeron, ĉar, tenante sin per la brustaj naĝiloj, ili saltadis de radiko al radiko, enirante la akvon, nur kiam ni alproksimiĝis.

Ĉie ŝvebis malbonodoro, eble kaŭzita de ŝlimo demetita de la malflusa tajdo. Kelkloke malgrandaj leviĝantaj bobeloj sin anoncis per obtuzaj kraketoj, kie ili atingis la surfacon. Damok asertis, ke estas "*ples masalai*" (loko de demono), sed mi malmulte atentis lin.

Post kelkaj minutoj ni trapasis la rizoforaron, kaj naĝis sur la laguno. Tie kuŝis japana barĝo.

Ni transiris la lagunon, kaj alproksimiĝis al la barĝo, sed baris la vojon pluraj falintaj kokosarbaj trunkoj, inter kiuj la barĝo ŝajne firme fiksiĝis. Stariĝinte, mi povis rimarki, ke la barĝo estas duone plena de akvo, sed por ĝin atingi mi devis marŝi sur la trunkoj.

Tion provante, mi elpaŝis sur la plej proksiman trunkon, kaj, kun la brakoj etenditaj por min ekvilibrigi, mi singarde paŝis de trunko al trunko.

Mi preskaŭ atingis la barĝon, kiam Damok subite eligis teruran kriegon. Samtempe mi aŭdis la maltrankvilan voĉon de Mageu. "Ken, Rapidu! Rapidu!"

Malantaŭen rigardante, mi subite pleniĝis de naŭza timego. En la libera akvo tute proksime al la trunko, sur kiu mi staris, rapidege naĝis al mi la terura nazego de granda krokodilo.

Penege forskuante la paralizan timon, mi fulmrapide kuris laŭ la trunko kaj plonĝis en la akvon en la barĝo. Post miaj kalkanoj sangofrostige klakis la dentegoj en tiu terura faŭko.

Sufiĉe reginte min por stariĝi, mi konstatis la maltrankviligan veron pri la situacio. Mi estis nun malliberigita en

— Presita en Belgujo de H. De Baene-Sercu, Delaplacestraat 3, Sint-Kruis Brugge —